# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**



*Centra Oficejo:*
c/ Rodriguez de San Pedro, 13. 3°. p-7.
28015 MADRID
Tel: (91) 4-46-80-79

*Prezidanto:*
Antonio Alonso Núñez
Apartado 714
15780 SANTIAGO DE COMPOSTELA

*Sekretario:*
Manuel López Hernández
Apartado 369
41080 SEVILLA

*Vicprezidanto:*
Alberto Franco Ramirez

*Vicsekretario:*
Luis Gil Pérez

*Estrarano pri kontado:*
*Kasisto*:
José Mª Bernabeu Franco
Gral Primo de Rivera, 6
03360 CALLOSA DE SEGURA (Alicante)

Konto:
Ctta Ahorro n° 83100-272 de Hispana Esperanto Federacio en Banco Español de Credito en Callosa de Segura.

*Libroservo de HEF:*
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID

*Fundación Esperanto*
Inés Gastón
P° de la Costitución, 35, 4°
50001 ZARAGOZA

*Junulara Sekcio* (HEJS)
Prezidanto: Iñaki Gauna
Domingo Beltran, 42, 4° D.
01012 GASTEIZ-VITORIA

*Ĉef-redaktoro de Boletín:*
Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe, 27-29, 9° C.
50002 ZARAGOZA

*Redaktoroj kaj kunlaborantoj:*
Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz


## ENHAVO



*Kovrilo:* La Laguna, urbo de la 51a HEF-Kongreso en Julio 1991.

*Noto:* Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

# Sub la signo de la unueco

Hodiaŭ estas festotago por la hispanaj esperantistoj, ĉar tiu ĉi bulteno sur viaj manoj estas la TRICENTA numero de **Boletín**, kaj tiu cifero havas simbolan signifon kiu ĝojigas la korojn, precipe de la veteranaj esperantistoj, pro la fluo de emocioj venantaj al ni kiel rivero de rememoroj elvokantaj kompanojn ne plu vivantajn, esperojn kaj penojn de tiuj, kiuj tiom multe strebadis por publikigi ĉi tiun modestan bultenon... Ankaŭ ĝi estas, la fizika pruvo de nia ekzistado, de nia obstina penado dum longa periodo de evoluinta socio, kiu fariĝis sovaĝe praktika, kaj ofte forbalais homojn kaj idealojn kun profundaj homamaj valoroj kaj vibraj emocioj. Ĝi ankaŭ estas por la nunaj generacioj, la firma elmontro de la hispana esperantista kolektivo pri daŭrigo de tasko, kiun ni konsideras fundamenta kiel instrumento por la interkomunikado kaj interkompreniĝo de homoj kaj popoloj...

**Boletín** naskiĝis en Januaro 1949, tiel modeste, ke eĉ propran nomon ĝi ne havis kaj oni nomis ĝin "la bulteno de la Federacio". Tiuj horoj estis tre malfacilaj por nia Movado en Hispanio, ĉar, kvankam HEF estis jam oficialigita de antaŭ du jaroj ne en ĉiuj provincoj de nia lando oni permesis la esperantistajn societojn kaj sekve ankaŭ ne la aktivadon. La apero de tiu unua esperantista bulteno post la intercivitana milito, en momentoj kiam apenaŭ ekzistis kulturaj revuoj, estis enorme efika, unue ĉar ĝi altiris la atenton de la iamaj esperantistoj, ankoraŭ konfuzaj kaj disigitaj, vokante ilin al reorganizado kaj reaktivado; due, ĉar la provincaj kaj lokaj aŭtoritatoj konstatis per ĝi, ke la altaj instancoj jam permesas tian aktivadon aŭ almenaŭ agnoskas nian ekzistorajton. Estis tiu, la unua granda batalo venkita de **Boletín**.

Naskiĝis nia bulteno en tiaj cirkonstancoj sub la signo de la unueco: liberecanoj, katolikoj, komunistoj, naciistoj, k.a., ĉiuj koincidis priaktivi sub la sama flago de la esperantismo. **Boletín** montris per sia enhavo, ke la unueco estas nepra instrumento por la reflorado de Esperanto en nia lando kaj homoj tiel malsamopiniantaj kiel Hernández, Lapuente, Dalmau, Rivelles, Viladoms, pastro Casanovas, M.Sola k.a. agis ŝultron ĉe ŝultro por samaj bazaj celoj, superante malnovajn rivalecojn, nome la historian malvirton de nia Movado.

La unua redaktoro de **Boletín** estis Luis Hernández Lahuerta, fervora kaj kapabla esperantisto, sperta pri tiu tasko ĉar dum la intercivitana milito li redaktis la laboristan esperantistan gazeton "Popola Fronto". Hernández estis unu el tiuj honestaj idealistoj neforgeseblaj, citindaj en ĉiu

cirkonstanco: elokventa oratoro, lirika verkisto, kapabla organizanto, baldaŭ li faris el nia tre modesta bulteno legindan periodaĵon, kaj lia pseŭdonimo "La legema koboldeto" famiĝis inter la plej elstaraj tiamaj esperantistaj kronikistoj de Eŭropo.

La bulteno naskiĝis en tiu hela urbo, riĉa je floroj kaj ĝardenoj brilantaj pro la oro de citronoj kaj oranĝoj, nomata Valencio. Kaj ĝi aperis en unu el tiuj horoj zenitaj malfacile troveblaj en la historio de nia Movado: la ekzisto samtempa en unu urbo de esperantistaj intelektuloj tiel kapablaj kiel: D-roj. Herrero, Llorens, Tudela, Poveda, k.a.; aktivistoj tiel inteligentaj kiel fratoj Bosch, Caplliure, Soler, Hernández, Santamaría, Vizcaíno, k.a., fakte mi ne devus mencii nomojn ĉar tiu estis granda kolektivo eksterordinare bonkvalita...




Laŭlonge de la jaroj, **Boletín**, suferis la plej variajn sortoŝanĝojn de epoko, kies karakterizo estis la transcendo de gravaj eventoj, la vertiĝo de historiaj kaj politikaj ŝanĝoj, la senstabileco donanta la strangan sensacon, ke ĉion oni povas perdi en unu sekundo, aŭ ke ne gravas kion oni povas gajni poreterne. Kaj ĉiam deĵoris apud la rudro de la bulteno la firma mano de redaktoro: Hernández, Bosch, López-Escartín, F. de Diego, Gastón, Aragay, Giordano... kaj ankaŭ la nevidebla mano de kompetenta ĝisosta esperantisto, Salvador Gumà i Clavell.

Kaj... kion pri la hodiaŭo de **Boletín**? La defio de la nuna momento kiam nia bulteno atingas la TRICENTAN numeron estas enorme mafacila: eble pli ol iam antaŭe oni bezonas monon, ĉar nuntempe ĉion oni vendas, kaj ankaŭ ni devas nepre vendi nian kulturan produkton. Kaj tio postulas monon. Ni bezonas ankaŭ kunlaborantojn, bonajn kunlaborantojn. Permesu al mi ne komenti pri tiu indikita unua bezono, ĉar pri mono scias mi nenion. Pri kunlaborantoj, mi faris ĉion eblan por atingi, ke la plej brilaj plumoj el la hispana Esperanta Movado kunlaboru kun la nuna skipo. Reáperis la poezio en nia bulteno, la originala kaj tradukita poezio. Mi penis aperigi, kun la informado, stabilajn fakojn primovadajn, prikulturajn, pribeletrajn... Mi volis ĉiam pruvi praktike, ke la internacia lingvo, ke Esperanto, kapablas esprimi la plej profundajn kaj fajnajn nuancojn de la homa penso. Mi volis, volas reprodukti aŭ komenti la kulturon, la poezion, la filozofion de ĉiu iberia popolo, ne nur tiun ne sufiĉe konatan hispanan-araban, sed ankaŭ tiun de la klasikuloj kaj la modernaj verkistoj. Kaj mi volas tion realigi sub la signo de la unueco, ne ekskludante iun ajn el niaj diverspensantaj homoj kaj kulturoj. Same kiel oni celis en tiuj

komentoj kiam aperis la unua numero de tiu ĉi modesta revuo...

Kun etendita mano kaj malfermita koro, ni festas hodiaŭ la TRICENTAN numeron de **Boletín**! Ni ĝoju almenaŭ hodiaŭ, poste ni daŭrigos nian strebadon, ĉar la fina triumfo de la esperantistoj: interkompreniĝo kaj fratiĝo de homoj kaj popoloj, estis tiel iluzie idealigita de niaj revoj, ke malfacile ĝi estas atingebla!

Antonio Marco Botella

# Okaze de la 300-a numero de BOLETIN

"Ni semas kaj semas, neniam laciĝas..." Tial ni konstatas plezure ke nia **Boletín** atingis sian 300-an numeron. La vojo estis tre malglata post intercivitana milito, kiu dividis nian landon, ekziligis multajn samideanojn kaj okazigis nombrajn enterigojn.

"Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas..." sed la "Bela sonĝo de l'Homaro" ĝermis el la cindro kiel nova Fenikso. La "Nova Sento" ne rezignis morti eĉ vandale persekutate de modernaj Neronoj. Esperanto ne promesas senmakulan, ĉielan beatecon, sed tutmondan sanktan harmonion" per faciligo de la interhomaj rilatoj sur "neŭtrala fundamento", kiu nenion trudas, kiu neniun homon subigas, provokas aŭ ofendas, kaj proklamas nepran homan interrespekton.

"Sub la sankta signo de l'Espero" novaj junaj homoj okupas en la armeo de "pacaj batalantoj" la postenon de niaj ĝisvivintaj pioniroj. Tiel nia Idealo skizita de "utopiuloj" - inter ili pluraj hispanoj - jam antaŭ pluraj generacioj, fariĝis reala instrumento pruvinta dum cent jaroj sian unuigan forton inter diverslandaj homoj.

Nia entrepreno estas humanisma, kultura kaj unuiga. La ĝenerala Politiko volenevole koncernas precipe la materian flankon de la Socio. Ni do estas solaj, ne vidataj, ne aŭdataj kaj eĉ eble ignorataj.

Neniam antaŭe okazis tiom da kunsidoj de mondaj ŝtatgravuloj kiel nun, kaj ankaŭ neniam estis la temoj kaj cirkonstancoj tiel gravaj. Certe la teĥnika progreso provizis la necesan instrumentaron por traktado inter malsamlingvaj mondregantoj; sed la sperto instruas, ke eĉ televidaj dialogoj rekte tradukataj sonas dishakite, sen nuancoj, sen koloro, sen animo kaj sen koro, kvazaŭ robote.

Fakte ni estas diaspora popolo mense vivanta ekster naciaj kaĝoj. La translanda mensa libereco kaj reciproka komunikado kun neŭtrallingvaj homoj de diversaj landoj donas tian ĝojon, kian povas senti neniu popolano vivanta izole kiel heliko en sia konko.

"Tra la densa mallumo plu briletas la celo al kiu kuraĝe ni iras".

La 300-a numero de nia **Boletín** estu la markŝtono de la nova etapo kontraŭ "La obstinaj Baroj".

Salvador Gumà i Clavell

# Nia kongresurbo: La Laguna



La Laguna situas nord-oriente de la insulo Tenerife, meze de vasta valo kiun la praloĝantoj nomis "Aguere". Ĝi kuŝas sur la alteco de ĉirkaŭ 600 metrojn, ĉirkaŭata de montoj. Ĉi tiu valo, estis elektita de la konkeraj trupoj por situo de la unua ĉefurbo de la insulo: pro la ekzistado de lageto en ĝi, kio finfine donis nomon al la urbo: "La Laguna". Ĝi estis ĉefurbo de Tenerife ĝis la 19-a jarcento kaj sidejo de ĝia insula konsilio nomata "Cabildo". Ĝi havas vastan municipan teritorion, kiu elkliniĝas al la maro ĉe la bordo de "Valle de Guerra", "Tejina", "Bajamar" kaj "Punta del Hidalgo", kun ampleksa zono turisme interesa.

Ĝia loĝantaro multege pligrandiĝis dum malmultaj jaroj, precipe danke al demografia eksplodo ĉe la ĉirkaŭaĵoj. De 30.000 loĝantoj ĝis la nunaj pli ol 125.000. Je 3 kilometroj kuŝas la flughaveno "Los Rodeos". La urbo bone komunikas pere de aŭtovojoj kun ĉiuj punktoj de la insulo. Ĝia zorge paralelstrekita plano kaj multaj el ĝiaj artaj monumentoj pri ĝia pasinta elstareco kiel *Ĉefurbo de la insuloj*, kaj faras el ĝi unu el la plej allogaj lokoj por la turisto kiu, krom suno kaj strando, serĉas en Tenerife la ekkonon de ĝia historio, kaj la plej belajn atingojn de ĝia arto, moroj, tradicioj kaj metifarado.

Vizitindaj lokoj estas:

**LA URBODOMO**.- La municipa, palaco de La Laguna estis submetita ekde la 16-a jarcento al pluraj modifoj; inter ili, la plej grava kaj ĵusa estis la plibeligo, pere de ŝtonblue bosa masonaĵo, de la ĉefa fasado, realigita dum la jaro 1822, fare de la konstrumajstro Johano Nepomuceno Camejo. Tiu fasado estas la plej rimarkinda specimeno de la popola neoklasika stilo de la Kanariaj Insuloj. La parto de la konstruaĵo situanta ĉe la strato "Calle de la carrera", hodiaŭ "Obispo Rey Redondo" (Episkopo R.R.) montras frontispicon de la antikva "Casa del Corregidor" tajlita dum la 16-a jarcento, laŭ milda platereska stilo, sur ruĝa vulkana tofoŝtono el la insulo. Ĝia fronstispico montras la blazonŝildon de la Imperiestro Karolo la 5-a, kaj ambaŭflanke tiajn de Tenerife kaj ĝia guberniestro Jeronimo de Sotomayor.

La kunsidsalono, eleganta kaj sobra, montras riĉan kasonon laŭ kanaria mudehara stilo. Ĝi enhavas inter pluraj gravaj relikvoj, la standardon kiun altensvingis la "Adelantado" Alonso Fernández de Lugo dum la konkerado de Tenerife por la kastilia

regno; la breveton subskribitan de la reĝino Juana la Loca en 1510, laŭ kiu La Laguna ricevis la titolon Urbo; kaj blazonŝildon, kiu estas ankaŭ tiu de la insulo; tiel same la Historian Arĥivon kiu ankaŭ estas la plej grava el ĉiuj ekzistantaj en la Kanariaj Insuloj.

**DOMO DE LA KAPITANOJ.**- Tiu domego konstruita dum la dua parto de la 17-a jarcento estis restadejo de la ĉefgeneralo Diego de Alvarado Bracamonte. Ĝi poste apartenis al pluraj ĉefgeneraloj kaj nobeloj. Nun ĝi apartenas al la Urbodomo, kaj estas vasta konstruaĵo kies fasadoj montriĝas ĉe la stratoj Episkopo R.R. kaj de Viana; ĝiaj pordegoj kaj aliaj murtruoj estas ornamitaj per ĉizita vulkana kaj ruĝa tofoŝtono kaj havas interesan korton interne, kaj konstruiĝis laŭ la plej bona kanaria stilo.

**SANKTA KATEDRALA TEMPLO.**- Unue estis la paroĥejo de "Los Remedios"; kiam la "Nivaria" Episkopujo estis fondita, en la jaro 1818 ĝi estis la sidejo de la Katedrala Kanonikaro. La primitiva templo estis konstruita en 1511; ĝi spertis multajn rekonstruojn kaj plibonigojn -pli ol iu ajn preĝejo en la tuta urbo-. La aktuala datiĝas de la komenco de la nuna jarcento kaj konservas la ĉefan fasadon konstruitan en 1820, laŭ planoj de Ventura Rodríguez.

Interne de la Katedralo troviĝas mirinda granda flandra retablo nomata "de los Remedios" konsistanta el ensemblego de tabulpentraĵoj el la peniko de Hendryk Van Balen, majstro de Van Dick; la tabernaklo de la ĉefaltaro de la kanaria skulptisto José Luján Pérez kies pinaklo plenigas tajlaĵo de la Krucumita Kristo de "Los Remedios", anonimaĵo de la 16-a jarcento; predikejo el karara marmoro, skulptita de la ĝenova skulptisto Pascuale Bocciardo, granda pentrotolo (4x5 metrojn), fare de la kanaria pentristo de la 17-a jarcento C.Hernández de Quintana, (1651-1725), montras la purgatoriajn animojn; la bildoj de la "Virgino de la Rimedojn" (18-a jc.); la "Virgino de la Doloroj" de la skulptisto Carmona (18-a jarcento). La belega figuro de nia Sinjorino "Virgino de la Lumo" estas la plej bona kaj bela skulptaĵo ene de la katedrala muzeo; verŝajne skulptita de la majstro Johano Bautista Vázquez "la maljunulo", iniciatinto de la "Sevilja skolo de religia bildarto" (16-a jarcento). Ankaŭ troviĝas ĉi tie neoklasika ĥorejo fare de la majstro Domingo Pérez (19-a jarcento) kaj pluraj oraĵoj el kordova, kanaria kaj amerika skoloj.

**PREĜEJO DE NIA SINJORINO DE LA KONCIPTEJO.** Ĝi estis la unua paroko en la insulo Tenerife, kaj ekzemplo de ĉiuj preĝejoj estiĝintaj ekde la 16-a jarcento. Ĝia unua situo koincidis kun la loko, kie la armeo de Fernández de Lugo solenis, unuafoje en la insulo, feston Corpus Christi (Difesto) en la jaro 1496. Same kiel aliaj insulaj preĝejoj, ĝi suferis plurajn disfalojn kaj plibonigojn. En la jaro 1848 ĝi estis deklarita "Nacia Histori-Arta Monumento", kaj konsistas el tri navoj disigitaj per duoncirklaj arkoj subtenataj per kolonoj el ruĝa tofoŝtono,kaj kasonitaj per keno laŭ mudehara stilo. Ĉe la flankaj kapeloj situantaj en la kvar anguloj, oni povas admiri riĉajn polikromitajn plafonojn. Ĝia turo, el muelil-ŝtono, devis esti jam tri fojojn rekonstruita; ĝi estis starigita je la fino de la 17-a jc. kaj finkonstruiĝis en 1607. Tiu turo estas inter ĉiuj la plej tipa kaj karakteriza simbolo de nia urbo.

Ene de tiu templo troviĝas artaĵoj de eksterordinara valoro. Inter ili elstaras ligna predikejo, rigardata kiel nesuperebla juvelo en sia genro; la altaro de "Niño Jesús" estas, verŝajne, artaĵo de sama anonima aŭtoro. La arĝenta relikvujo de Sankta Johano la Evangelisto, kiu laŭ la tradicio, ŝvitis dum kvardek tagoj printempe de 1648.

## Nekrologo

La pasintan 16-an de januaro forpasis en Seviljo *Tomás Caspe Cereijo*, unu el la plej elstaraj esperantistoj de la urbo Seviljo.

Li naskiĝis en Madrido antaŭ 79 jaroj. Tie li lernis Esperanton antaŭ la civila milito, kiun li travivis intense kiel kapitano de la respublika armeo (lia vera profesio estis meblotegisto).

En Seviljo li fondis la *Akademion Seviljan de Esperanto* kaj estis prezidanto de la *Sevilja Esperanta Asocio*. Dum kelkaj jaroj li estis ĉefdelegito de UEA en tiu urbo, kie li ĉefkunordigis la Hispanan Kongreson de Esperanto en 1984.

S-ano Antolín (kiel li estis konata de la loka esperantistaro) ĉiam batalis ĉu instrue ĉu propagande por la ideo de la lingvo universala. Pro deziro de lia familio li estas entombigita ĉerk-envolvita de la esperanta flago kaj nun oni celas skulpti surtombe por-ĉiaman esperantan stelon.

Certe oni povas aserti, ke sen li, ĉiuj esperantistoj en Seviljo restas orfoj de tiu, kiu tiel sindoneme plendediĉis sin al Esperanto. Tial oni ne povas ne memore omaĝi al li kun granda emocio.

"La preferida" fare de José Luján; la "Cristo del Rescate", el hispana malfrua gotika arto; la lasta figuro tajlita de la skulptisto kanaria Fernando Estévez reprezentas la "Inmaculada Concepción", patroninon de la preĝejo. Admirinda ankaŭ grava orajkolekto, monumenta tolpentraĵo de Hernández Quintana, la baptujo, kie estis baptitaj la unuaj "gvanĉoj" el Tenerife kaj diversaj retabloj, ĉiuj bonegaj.

**KANARIA LICEO "INSTITUTO CABRERA PINTO".** Dum la 18-a jarcento ĝi estis la sidejo de la unua Kanaria Universitato, inter la jaroj 1742-1747. Poste, dum la 19-a jarcento, ĝi iĝis monaĥejo de la Sankta Spirito, de la Aŭgustenanoj; ĝi estis fondita de la piuloj Frato Pedro de Cea kaj Frato Andrés de Goles, antaŭ la jaro 1504. El tiu epoko restas bonstataj diversaj arkitektaĵoj, kiuj donas tiun apartan karakteron al ĝia interna korto, unu el la plej belaj el Kanarioj; ĝi sugestis al Miguel de Unamuno unu el la plej inspiritajn paĝojn de li verkitajn. En ĝiaj klasĉambroj studadis dum la 19-a jarcento kaj parto de la 20-a, aro da eminentuloj de la politiko, artoj kaj sciencoj. La Instituto konservas, inter aliaj, la titolon "Abiturientan Diplomon pri Artoj" de la romanisto Benito Pérez Galdós; posedas ankaŭ gravajn sciencajn kolektojn kaj pentraĵojn.

**EPISKOPA PALACO.**- Ĝi estis, unue la loĝejo de la grafoj de "Valle de Salazar", kiuj ekkonstruis ĝin dum la jaro 1664. La fasado estas verko de Juan González de Castro, elfarita en 1681 de la ŝtontajlistoj Juan Lizcano kaj Andrés Rodríguez Bello. Ĝiaj sobraj kaj harmoniaj linioj, de baroka influo, igas tiun fasadon la plej bona el la ekzistantaj en Kanarioj.

**LA DOMO DE "LERCARO".**- En la fino de la 16-a jarcento, la Generala-Leŭtenanto de Tenerife Francisco Lercaro de León, konstruigis tiun tipan ekzempleron de la civila arkitekturo de niaj insuloj, ĵus akirita de la Insula Konsilio post nuna restaŭrado. Ĝi estos destinita al artaj kaj kulturaj celoj.

**PALACO DE NAVA.**- Ĉi tiu rara konstruaĵo, kiu ekkonstruiĝis en la 16-a jarcento -proksimume en 1585- estas rigardata kiel ekzemplero unika de la dom-arkitekturo de Kanariaj Insuloj; ĝia fasado montras stilon hibridan kaj elektitan, rezulto de miksaĵo de manierismo, baroko kaj novklasikismo, kaj ĝi montras -ekde ĝia konstruo fare de la reganto de Tenerife Tomás Grimón ĝis ĝia lasta reformo farita de Tomás de Nava y Grimón y Porlier en 1776.

**PREĜEJO DE "SANTO DOMINGO DE GUZMAN".**- Post la sekularigo, la preĝejo de la konvento de la "Ordeno de Predikisto" iĝis en la jaro 1847 "Paroĥo de la Tabernaklo Katedrala" kaj en la nuna jarcento ĝi estiĝis la "Paroĥejo de Sankta Dominiko". Ĝi fondiĝis en la unua kvarono de la 16-a jarcento. Ekde 1532 ĝi rolis kiel lernejo pri gramatiko, logiko kaj filozofio; dum 1612 ĝi fariĝis ĝenerala studejo, kaj en 1663 lernejo de "Sankta Tomaso", kun ĉiuj privilegioj koncesiitaj al tiuj samrangaj de la "Ordeno Dominika", kio iamaniere donis al ĝi universitatan kategorion. La plej valora artaĵo de tiu ĉi preĝejo estas la mirinda Hostimontrilo, rigardata kiel unikaĵo de la Kanaria sakra juvelarto. Elstaras la ĉefaltaro, figuro de "Nuestra Señora de Rosario" kaj inter la bildoj "Cristo yacente", la "Inmaculada"; el "Señor de la Humildad y la Paciencia" verko de la skulptisto Orbarán y San Miguel.

Sur fasado de la kapelo de Kristo Mortinta, la tenerifa artisto P. de Guezala, komencis pentri alegorion, kiu restis nefinita kaŭze de lia forpaso en 1948.

**MALNOVA UNIVERSITATO DE SANKTA FERNANDO.**- Ĉe la strato San Agustín staras tiu belstila konstruaĵo -antikva kanaria domego kun interna korto kaj koridoro- hodiaŭ sidejo de la "Reĝa Societo Ekonomia de Amikoj de la Lando", kiu havas krom riĉa biblioteko, precipe el kleriga epoko, tre valoran arkivon kun alportaĵoj de nobelaj familioj. Ĝi estas ankaŭ sidejo de la Esperantista Societo de Tenerife ESTO.

**"SANTISIMO CRISTO DE LA LAGUNA".**- En la preĝejo de la konvento de "San Miguel de las Victorias" oni kultas la "Cristo Crucificado"-n, kiun alportis al la Kanarioj la "Adelantado" Ĉefgeneralo Alonso Fernández de Lugo, iom post la fino de la insulpacigo. Ĝi estas belega skulptaĵo de la Sevilja gotiko, de la 15-a jarcento, kiun ŝajne donacis la Dukoj de Medina Sidonia al "Adelantado" por ke ĝi ricevu kulton en

Tenerife. Ĝi estas tre respektata en la Kanaria Insularo kaj honore al ĝi oni celebras ĉiujare la ĉefajn festojn de la urbo.

**ALIAJ INTERESAJ LOKOJ.-**

La **Muzeo-Domo Osuna**, ĉe la strato Juan de Vera, posedas abundan arkivon kun interesaj dokumentoj, precipe rilataj al la familio Anchieta, kies plej fama membro estis la jezuito José de Anchieta, evangeliisto en Brazilo, fondinto de la urbo Sao Paulo.

La **Universitato** havas relative modernajn konstruaĵojn kaj daŭre pligrandiĝas. Ĝi entenas 11 Fakultatojn el kiuj la plej malnova estas tiu pri Juro, kaj elstaras kiel plej grava la Instituto pri Naturaj Organikaj Produktaĵoj de Astrofiziko kaj Lingvistiko "Andrés Bello".

Ankaŭ meritas esti konataj: la klostraj monaĥinejoj "Sankta Klara de Asizo" kaj "Sankta Katarina de Siena" kiel ankaŭ la Hospitalo "Virgino de la Doloroj" kie oni povas admiri bonegan pentraĵon montrante la "Krucumitan", eble la plej antikva pentraĵo alportita al Tenerife.

O.K.K. de la 51-a HEF-Kongreso

---

# Grava Datreveno

La aperigo de la 300-a numero de **Boletín** estas grava evento kiu ĝojigas ĉiun federacianon kaj eĉ ĉiun esperantiston, ĉar ĝi signifas vivantan elmontron de esperantista kulturo.

Esperanto havas propran kulturon, kiu de la unua tempo de la lingvo montriĝis precipe per eldonaĵoj, kiel komplemento de la natura celo de ĉiu lingvo, t.e. la parola interkomunikado.

Ĉiu revuo, kiel komunikilo, plenumas gravan rolon, kaj kvankam nun kaj estonte iom post iom spertas revolucion la komunikrimedoj, la skriba formo havas pli gravan karakteron rilate la aliajn: sian longdaŭrecon.

Pensi pri 300 numeroj de **Boletín** estas kunligi multajn zorgojn, multajn ĝojojn kaj ĉefe grandan laboron de multaj personoj. Pardonu ke mi skribas nun laŭ persona vidpunkto pensante pri la epoko kiam **Boletín** eldoniĝis en Valladolid, dum nia estrarana periodo. Pensante ke ĉiu informa procezo havas sendinton kaj ricevonton, unue oni devas pensi pri tio, kio interesas la esperantistaron, kiu ricevas **Boletín**, kaj tiusence ludas gravan rolon la redakta komitato en ĉiu momento funkcianta. Purigi la originalojn, elekti la plej taŭgajn estas nefacila tasko de la redakta komitato, kaj en tiu senco, ni estis bonŝancaj ĉar ni havis teamon de gravaj esperantistoj kiuj multe helpis nin gvidate de la ĉefredaktoro S-ro. Salvador Aragay.

Sed ĉiam, inter kulisoj, en la ombro, laboris elstara esperantisto, S-ro.

Gumà, kiu prenis sur sin la malfacilan taskon perfektigi la lingvo-stilon, korekti la gramatikajn erarojn kaj tiel kontribui, ke nia bulteno aperu digne laŭ la esperantlingva vidpunkto.

La eldonado de bulteno ankaŭ estas grava. Bela ekstera aspekto estas ĉiam prestiĝiga por revuo same el nacia kiel el internacia vidpunkto. Ni devis multe pensi, ĉar la monrimedoj ne estis multaj, iel ĉiam, sed ni ankaŭ estis bonŝancaj trovi "Gráficas Andrés Martín", prestiĝa entrepreno kiu bone laboris prezentante allogan **Boletín** kun belaj fotoj.

Ne pensu, ke ni volas fanfaroni aŭ ke ni estas tro fieraj pri nia **Boletín**, kontraŭe, ĉio estas perfektigebla kaj mi estas certa ke tiu ĉi ideo estis kaj estos en la menso de ĉiu redaktoro. Estas la tasko de la tuta esperantistaro helpi la redakcion kaj eĉ "dorloti" nian periodaĵon.

M.R. URUEÑA

---




**Inaŭguro en Cheste de strato "Esperantista Enrique Arnau"**

◆ La 2-an de Februaro oni inaŭguris en Cheste (Valencia) straton dediĉatan al la esperantisto, jam forpasinta, samideano E.Arnau.

En ĉi tiu omaĝo ĉeestis, ne nur la esperantistoj, sed ankaŭ multenombraj amikoj kaj simpatiantoj de nia afero kaj la lokaj aŭtoritatuloj, preskaŭ 200 personoj. En la kadro de la omaĝo ankaŭ okazis prelego de Aŭgusto Casquero, projekciado de videoj en Esperanto kaj oni aranĝis Esperantan Ekspozicion.

La Oficiala Akcepto okazis en la urbodomo, prezidis ĝin la urbestro mem, kaj oportuna lunĉo sekvis ĝin. En la Akcepto salutparolis José María Bernabeu, Kasisto de HEF kaj reprezentanto de Callosa de Segura, José Pérez Sempere Prezidanto de la Esperanto-Grupo de Valencio, Walter Máñez reprezentante la E-Grupon de Cheste, Carmen Arnau fratino de la omaĝito, Aŭgusto Casquero kiu legis salutleteron de S-ro. Alonso, Prezidanto de HEF, kaj fine la urbestro de Cheste, kiu per afabla paroladeto bonvenigis la esperantistojn, proponis la urbon por kongreso same internacia, kiel nacia aŭ de la aŭtonoma komunumo kaj fine dankis la partoprenantojn pro ilia ĉeesto en la omaĝo al la ĉestano Enrique Arnau.

Vere, la Festo okaze de tiu inaŭguro de strato estis brila kaj emociiga.

Aŭgusto.

## TELEFON-RESPONDILO EN LA CENTRA OFICEJO DE HEF

En Madrido, en la Centra Oficejo de Hispana Esperanto-Federacio, strato Rodríguez de San Pedro, 13. - 3-o - P-7. 28015-MADRIDO, oni instalis kaj jam funkcias, aŭtomatan telefon-respondilon, kies numero estas: (91) 4-46-80-79 per kiu oni povas lasi ĉiajn mesaĝojn.

**NE FORGESU LA PAGON DE LA HEF-KOTIZO**

| | |
|---|---|
| Membro-abonato | 1.700 ptojn |
| Emerito, junulo, senlaborulo | 1.200 ptojn |
| Asocio aŭ Grupo | 3.400 ptojn |

Vidu la adreson de la kasisto sur la dua paĝo.

### Helpo al afrikaj esperantistoj

◆ La esperantistoj el Montpellier organizas kampanjon por disvastigi Esperanton en Afriko. Ili jam havas pli ol 340 perkorespondajn lernantojn en diversaj landoj el Afriko kaj celas plialtigi tiun nombron, sed ili bezonas financan helpon. Por tiu celo ili kolektas kaj vendas poŝtmarkojn, ĉu vi volas helpi ilin? Sendu al Esperanto-Kurso BP, 7073- F 34080-MONTPELLIER(Francio) ĉiajn poŝtmarkojn novajn aŭ uzitajn. La Afrika-Servo de tiu Esperanto-Grupo jam antaŭdankas vin, viajn sendojn kaj solidarecon!

### Esperantaj Labortagoj en Málaga.

◆ Andaluzia Esperanto-Unuiĝo anoncas siajn "Esperantaj Labortagoj"-n, kies ĉefa temo estos "La varbado de esperantistoj". La Seminario okazos en la Restadejo "Cristo Rey", en Torrox (Málaga), de la 7-a ĝis la 13-a de Oktobro 1991.

Dum la tri unuaj tagoj la partoprenantoj disponos je la necesaj elementoj por turismi en tiu bela hispana regiono.

Pli da informoj oni povas peti al: Andaluzia Esperanto-Unuiĝo. Poŝtkesto 864.- 29080-MALAGA (Hispanio).

### Universala Kongreso en Valencio en 1993

◆ Kelkaj samideanoj daŭrigas la malavaran helpon por financi tiun kongreson, kies unua celo estas kolekti la sumon de 2.000.000 da pesetoj, jene dediĉotan: la duono, kiel garantia kapitalo postulata de UEA al la OKK, kaj la alia duono kiel pago dum unu jaro al kompetenta samideano, kiu dum la jaro antaŭa al la komenco de la kongreso laboros por ties

organizado. La nuna stato de tiu konto estas:

Sumo bezonata . . . 2.000.000 Ptoj.

Donacoj ricevitaj . . . . 325.000 "

Mankas . . . . . . . 1.675.000 "

Eblas, se la efektiva kunlaborado ne estus sufiĉe kontentiga, kiel ĝis nun, ke ni troviĝos antaŭ veraj financaj problemoj en la organizado de tiu Universala Kongreso en Valencio okazonta en 1993.

La Valenciaj esperantistoj kiuj provizore prizorgas ĉi tiun servon tutkore dankas la financan helpon de la ĝisnunaj kunlaborantoj. Por tiuj kiuj deziras sendi rekte donacojn, la adreso de la konto estas:

Grupo de Esperanto Valencia UK-93

Cuenta Corriente n° 3100537732 Caja de Ahorros de Valencia,
urbana n° 0069 Marchalenes
C/Málaga, 37.- 46009-VALENCIA.

**Brazilaj Spiritistoj konstruas hospitalon kaj Esperanto-Lernejon**

◆ La Spiritisma komunumo de la regiono Sao José do Rio Preto, ŝtato Sao Paulo, pere de S.E.B. (Bonfara Spiritisma Societo), kiu agadas ĉe la fakoj pri Sano, Edukado, Socia promocio kaj Instruado de Esperanto konstruas Spiritisman Regionan Hospitalon kaj Edukan Instituton, kiuj celas helpi la homojn plej malriĉajn de la regiono. Donacojn oni povas sendi por tiu bonfara celo al: S.E.B. (Sociedade Espirita de Beneficencia) Av.Octavio Luiz de Marchi, 333. Caixe Postal 126 15035 SAO JOSE DO RIO PRETO, S.P. Brazilo




**PLIAJ NOVAĴOJ**

◆ En la Barcelona Esperanto-Centro okazis festo por prezentado de video-aparataro aĉetita de la Asocio. Oni prezentis la filmon *Jubileo*!.

◆ Okazas en la kantabra urbo Torrelavega vigla agado por Esperanto pere de kursoj. Leteru al E-Grupo de Torrelavega; Apd. n° 10 / 39530 Puente San Miguel.

◆ Skolta Esperanto-Ligo aranĝas tendaron *Skolto-91* en suda Pollando de la 2ª ĝis la 11ª de julio. Informas Carola Antskog, Källkullen, SF-25700 KIMITO Finlando.

◆ Ŝakludemaj esperantistoj povas, kontraŭ ĉipa kotizo, aliĝi al *Esperanta Ŝaka Ligo Internacia*. Hispana peranto: Miguel Angel Martín; Asín y Palacios, 28 B.-7° A; 50009 Zaragoza.

# Repliko

(al la "Nekonsekvenca Esperantigo de Hispanlingvaj nomoj" de GOLDO Bernardo)

GOLDO Bernardo apartenas al la homoj, kiuj ne vidas la arbaron pro la multaj arboj, el kiuj ĝi konsistas. Ĉar li ne kapablas ekkoni la konsekvencon, laŭ kiu la LEKSARA KOLEKTO DE OFTE UZATAJ PROPRAJ NOMOJ estas kompilita, li nomas ĝin "senmetoda" kaj "senprincipa", diras, ke ĝi estas "neniel racie pravigebla" kaj ke ĝi havas "diletantecan aspekton". El tiuj kvar kvalifikoj la unuaj tri estas eraraj, la kvara trafa, sed ne evitebla, eĉ intenca.

Pri tio ni devas iomete rezoni. Unue ni konstatu, ke la artikolo de GOLDO Bernado impresas, kvazaŭ ĝia aŭtoro tute ne estus leginta la antaŭparolon de la Kolekto kaj la multajn enŝovitajn notojn kaj artikoletojn en la paĝoj 24, 25, 64, 92, 96, 99, 110, 130, 137, 140 kaj 141. En ili estas detale parolate pri la metodo kaj la principoj, sur kiuj baziĝas la Leksara Kolekto, kaj ankaŭ ne mankas la prezentado kaj klarigo de ĝia racieco. Kompreneble, ke GOLDO Bernardo tute ne prezentas ĉion ĉi, ĉar alie li ja mem detruus la bazon, sur kiu staras lia memkontenta firmeco. Nu, pri tiu manko de intelektula lojaleco li decidu laŭ sia propra konscienco.

Kion la kompilintoj de la Leksara Kolekto estas intencintaj, estas ĝuste la kontraŭo de tio, pri kio revas GOLDO Bernardo. Laŭ li oni akiru unue la sterilan erudicion de GOLDO Bernardo mem, kaj tio ne nur por la Hispana lingvo, sed por ĉiuj aliaj lingvoj ankaŭ. Ĉe GOLDO Bernardo nome estas entrudiĝinta - mi uzas liajn proprajn vortojn - "la fiksa ideo", ke oni antaŭ la Esperantigo starigu por ĉiu koncernata lingvo rigore sekvendan kanonon de konformeco inter nacilingvaj fonemoj kaj Esperantaj literoj. Li mem estas farinta tion por la Hispana lingvo. Tio estas meritoplena entrepreno sur la scienca sektoro de lingvokomparado. Sed kion ĝi signifas por la Esperantista praktiko, por la vivo de nia lingvo? Fakte nenion. Kiu sekvos la Goldajn proponojn? Kion li estas efektiviginta per ili? La studaĵo aperis. Interesitoj - ĉu multaj? ĉu malmultaj? - estas legintaj ĝin, estas opiniintaj ĝin interesa aŭ ne, kaj poste apenaŭ plu pensintaj pri ĝi kaj... fino. La Golda vojo estas utopio. Eĉ ukazoj de la Akademio de Esperanto restus senefikaj. Unue GOLDO Bernardo devus starigi organizaĵon, kiu povus atingi ankaŭ tiujn Esperantistojn, kiujn la Akademio de Esperanto jam de longe ne plu atingas, kaj li devus ankaŭ provizi ĝin per la necesa potenco povi altrudi al ili lian sistemigon, samtempe subpremante nedeziratajn Esperantigojn de ribeluloj.

En la "Gratula Krono" publikigita pro honoro al profesoro REGULO Ĥuano en Lalaguno 1987 GOLDO Bernardo estas dirinta: "Tiu ĉi studaĵo celas montri, kiel estas eble sistemigi la transskribadon kaj asimiladon per starigo de kohera regularo."

Sed nenion li diras, kiel oni ebligas kaj atingas, ke la Esperantistoj enmemorigu al si tiun regularon kaj ekuzu ĝin, kaj tion ne nur por la Hispana lingvo, sed por ĉiuj aliaj etnaj lingvoj same. Kies homa cerbo povus tion mastri?

La ĝusta vojo estas tiu de Zamenhofo plurloke aludita. Li lasis la Esperantigon al la libera decido de ĉiu Esperantisto. Ĉiu, kiu lernis kaj uzas la lingvon, havas la rajton, kiam li sentas la bezonon pri Esperantigita nomformo, mem krei ĝin. Tia estas la natura evoluo en la lingvoj. Tio ankaŭ ne endanĝerigas la lingvon. Tio ankaŭ ne ĥaosigas ĝin, kiam komence kaj por certa tempo iu propra

nomo aperas sub du aŭ eĉ pliaj formoj. La plej taŭga el ili sendube eldaŭrigos la aliajn. Estas en la lingvo efika tendenco al memreguligo. La plej trafa formo venkos. Ĉu iu Esperantigita nomo lasas ekkoni la originan nomon aŭ ne, tute malgravas. Gravas, ke onomastikaĵoj havas agrable prononceblan Esperantan formon. Tiuokaze oni neniam povas paroli pri kripligo. Pri kripligo ja povus paroli tiuj, kiuj uzas iun koncernan etnan lingvon, sed tiam ili ja estas ekster la Esperanta sfero. Ĉiu nomformo, kiun la Esperantistoj adoptas, estas konvena, ĝuste ĉar la Esperantistoj estas adoptintaj ĝin.

Ĉe ĉiu renkonto de Esperantistoj povas tute subite estiĝi la bezono Esperantigi iun ajn nomon ĝis tiam en Esperanto ankoraŭ ne uzatan. Tiam helpas nek aŭtoritatecaj komitatoj, nek helpas ukazoj, eĉ ne helpas dikaj leksaregoj, kiuj iam certe ja venos. Oni devas rememori sian memstarecon. Ankaŭ tio bezonas ekzercadon. Oni plenumu la Fundamentajn postulojn kaj konsciiĝu pri la transa libereco. La nove kreita nomo ne estas afero por la eterneco; ĝi estas momenta helpilo kaj poste povas ree esti forgesita. Se tamen ĝi konserviĝas, des pli bone.

Ni vidu ekzemplon! Ni imagu, ke pri la bela urbo ZURICH aperas preskaŭ samtempe, formitaj de dise loĝantaj Esperantistoj, jenaj nomformoj: CUJRIĤO, CUJRIKO, CURIĤO, CURIKO, ZUJRIĤO, ZUJRIKO, ZURIĤO, ZURIKO. El la respektivaj kuntekstoj aŭ pripa-rolataj cirkonstancoj - tion oni povas prave supozi - estos rekoneble, pri kiu urbo temas. Antaŭzorge oni ja ĉiam povas parenteze aldoni la originalan formon. Tre baldaŭ montriĝos preferoj por tiu aŭ tiu ĉi formo. Estas apenaŭ imageble, ke je la fino ne unu formo, nome tiu sentita kiel plej bona, postrestos. Nu, en nia prezentita kazo, la decido jam de longe ekzistas. La Esperantistoj diras ZURIKO, kaj tion ili diras tre kontraŭ la Germanlingva elparolado de la vorto ZURICH:

Tri sonelementoj estas ŝanĝitaj, same du grafikaj signoj (U kaj CH). Ĉu eble GOLDO Bernardo emus helpi la Germane parolantajn Svisojn kontraŭ tiu "kripligo" de la nomo?

Ankoraŭ pli da permutaĵoj ol la nomo ZURICH permesas la nomo Leipzig. La diftongo "ei" estas anstataŭigebla per "ai" aŭ ej" aŭ "aj" aŭ per simpla "i", la "p" per "b", la "z" per "c" kaj la fina "g" per "ĥ" aŭ "k. Ĉiuj originalaj literoj estas ankaŭ konserveblaj, tiam rezultas la kvarsilaba nomoformo LE-IP-ZI-GO. Sed, ho mirindaĵo! La Esperantistoj - se ni kredas la Plenan Ilustritan Vortaron - preferas la du formojn LEJPCIGO kaj LEPSIKO, kiun lastan proponas ankaŭ la Leksara Kolekto.

La interdentajn frikativojn en ZARAGOZA oni povus redoni per "z", do per voĉa sono, aŭ per "s", ja ankaŭ eĉ per "c", do per senvoĉaj sonoj. Kion oni faras, tio dependas ne nur de pedanta fonetika konsekvenco, sed ankaŭ de sentema gusto laŭ vortsona eŭfonio. ZARAGOZO, SARAGOSO, CARAGOCO sin prezentas. Ankaŭ dissimilado de egalaj sonelementoj estas ofte observebla fonetika fenomeno. Ĝi ebligus formojn kiel ZARAGOSO, ZARAGOCO, CARAGOZO, CARAGOSO, SARAGOCO, SARAGOZO. La elekto estas ĉe la Esperantistoj. La Romanoj nomis la urbon Caesarea Augusta. Por ili la formo ZARAGOZA verŝajne estus soninta kiel kripligo. Por la Esperantistoj gravas ne la rilato de la Esperantigita formo al la etnalingva sed la fakto, ke ili disponas pri nomo, per kiu povas nomi la urbon en sia komuna internacia lingvo. Neniu el la indikitaj formoj estas diktatorece enkondukebla. La plej taŭgan enkondukos la Esperantisma vivo. Eĉ se ĝi eventuale la plej taŭga ne estas, ĝi paradokse fariĝos la plej taŭga, ĝuste ĉar la Esperantistoj ĝin estos akceptintaj.

La Golda artikolo estas

plena de maltrafaj rimarkoj, kies klara celo estas miskreditigi la Analizan Skolon kaj la kompilintojn de la Leksara Kolekto BAERMANO Hermano kaj ŜULKO Rikardo. "Analiza Skolo" estas unue MIMOO Ludoviko uzita esprimo por nomi la de li aplikitan metodon de gramatika analizo laŭ la funkcioj, kiujn havas la diferencaj vortokategorioj en la frazkonstruo. Ĝi certe ne estas iu organizaĵo havanta membrojn. Ĝi estas esplorprocedo. Ĝi certe malpermesas nenion. Ĝi malkaŝas. Ĝi revelacias. Nek malpermesas ion la personoj, kiuj ĝin aplikas. Sed ĝi atentigas ekzemple pri tio, ke la de Koloĉajo en la lingvon enkondukita adjektivo de inaj nomoj estas kontraŭ-Fundamente, ke same estas kontraŭ-Fundamente la uzo de "-io" kiel landnoma sufikso. Ĝi plue atentigas pri tio, ke la dua regulo de la Krestomatia gramatiko laŭvorte tekstas "la substantivoj havas la finiĝon o" kaj ke propraj nomoj estas substantivoj. Ĝiaj adeptoj volonte sekvas la Zamenhofan rekomendon, kiu diras, ke oni "povas jam nun (1904!) skribi en Esperanto sian nomon laŭ maniero Esperanta". Kiom longe GOLDO Bernardo intencas ankoraŭ atendi?

Esperanto estas raciigita lingvo. Tio signifas, ke ĝi havas sian bazan kodon. Bona Esperantisto estas tiu, kiu sekvas ĝin tiom bone, kiom li kapablas, sed certe ne tiu, kiu lezas ĝin per enkondukado de komplikigaj kaj ĥaosigaj "plibonigaĵoj". Sed Esperanto havas ne nur tiun rigoran, strikte devigan flankon, ĝi ankaŭ havas alian flankon: vastan regnon de libero. Nur ambaŭ kune konsistigas la plenan lingvon per sia dialektika riciprokeco. Zamenhofo ja plurfoje esprimis sian opinion, kies tendenco celis la Esperantigon de la propraj nomoj, sed apartajn regulojn, kiel tio devas esti farata, li ne donis. Li lasis tion al la decido de la unuopaj Esperantistoj. La problemo ne estas la maniero de Esperantigo, la problemo estas la hejmigo de la Esperantigita formo en la lingvouzo.

La Golda artikolo, kiel jam aliaj antaŭ tiu ĉi, estas montrinta al mi, ke ĉe la elekto inter la Golda eruditeco kaj la Zamenhofa saĝeco, mian preferon kaj amon havas la dua.

ŜULCO Rikardo

## Noto de la Redakcio

La Redakcio de **"Boletín"** ĉiam montriĝas tolerema pri la stilo kaj formo de la kunlaboraĵoj; ni postulas nur respekton al la Fundamento, kaj kiam tio ne okazas, la Redakcio, kun la koncerna permeso de la verkinto, korektas eventualajn erarojn. Ni faras escepton se, kiel nun, temas pri **Repliko**. Replikon ni penas publikigi nemodifita. Sekve, ni aperigas la ĉi-supran artikolon tia, kia ni ĝin ricevis, kvankam sen intenco polemiki aŭ vundi ies haŭton, eĉ malatentante ĉu la substrekitaj esprimoj estas Fundamentaj aŭ ne. Ni, pragmataj esperantistoj, tute ne permesus al niaj lernantoj ripeti ne malpli ol okfoje! sur unu sola paĝo: *ne estus leginta, estas intencintaj, estas entrudiĝinta, estas farinta, estas efektiviginta, estas legintaj, estas opiniintaj, estas dirinta, estas adoptinta,* k.a. Tion ni konsideras nekonsilinda ĉar ne Zamenhofa maniero de verbuzado.

Pri la enhavo de la artikolo ni ne volas opinii, sed nur indiki iom pri la esperantigo de Zaragozo, ke tiu ĉi nomo ne venas rekte de la latina Caesarea-Aŭgusta, sed la arabe aliiĝinta je Sarakosta, kiu poste fariĝis la nuna Zaragoza.

La kripliĝo pri kiu aludas la artikolo ne aperas tiel okulfrapa kiel opinias nia samideano S-ro Ŝulco.

# ESTRAR-KUNSIDO

La 9-an de marto okazis tuttaga estrarkunsido en Madrido. Jen skizo pri la ĉefaj punktoj traktitaj:

★ S-ro Juan Azcuénaga, nova membro de *Fundación Esperanto* informis pri la financa situacio de la Fundación kaj pri la stoko ekzistanta de la verko *Don Quijote*. Pri ĉio okazos pli detala informo kaj agadplano kadre de la kongreso en La Laguna.

★ Oni elektis per sekreta voĉdono la komisionon kiu okupiĝos pri la bona funkciado de la madrida *Centra Oficejo*; ĝi konsistas el sinjoroj Marcos Cruz, J. M. González Aboín kaj Jorge Camacho, kiujn helpos pluraj kunlaborantoj. La gvidlinioj de la komisionaj laboroj estas la agado nome de HEF en la Centra Oficejo, ĉiam ene de niaj statutoj, gardi la leĝajn statutojn kaj aliajn gravajn dokumentojn de HEF, roli kiel centra informejo kaj centra librejo, ktp. Pluraj demarŝoj por la pli bona funkciado de la oficejo estas jam realigataj (farbado, aĉeto de novaj seĝoj, ktp.)

★ Pri *Boletín*. La prezidanto oficiale kaj publike dankis la elstaran agadon de la redaktoro, s-ro Antonio Marco Botella, pro la bonega kaj ĉiam pli perfekta laboro farata. Oni decidis, ke en La Laguna oni faros decidon rilate la plialtigon de la poŝtaj tarifoj. Oni decidis ankaŭ, aperigi peton en Boletín, ke ĉiu Esperanto-grupo en Hispanio sendu al la Centra Oficejo informojn pri ties ĝusta adreso, annombro, kursoj, k.s.

★ Oni konsentis, ke ni devas jam urĝe disponi 4-paĝan informilon en la hispana lingvo. La libroservanto, s-ro Luis Hernández, proponis studi ties eldonadon pere de Libroservo. La prezidanto informis, ke baldaŭ ekfunkcios informa cirkulero pri gravaj E-eventoj, kiun oni dissendos al la membroj, al pres-agentejoj, ktp. Krome, la estraro ricevis informojn pri pluraj informaj broŝuroj nun planataj aŭ tradukataj en Hispanio.

★ La prezidanto de la provizora LKK de la ebla UK en Valencio en 1993, s-ro Augusto Casquero, informis pri ĉio ĝis nun okazinta. Urĝas scii, ĉu UEA definitive akceptos aŭ ne, por tuj veni al jam premaj taskoj rilate ejon, honormembrojn, ktp. Oni interdiskutis ankaŭ pri la garantia kapitalo postulata de UEA-regularo por tiaj eventoj.

★ La prezidanto de la LKK de la Hispana Kongreso en Mérida en 1992, s-ro Francisco Cabezas Jiménez, informis pri la tre bona iro de la demarŝoj farendaj, pri la favora apogo de institucioj kaj gravuloj, pri postkongreso en Portugalio. Por datoj li

proponis de 30-a de aprilo ĝis 3-a de majo.

★ La HEF-prezidanto informis ĝenerale pri la ĉi jara kongreso en La Laguna. La organizanto de la *Lirikaj Festoj* dum la kongreso, s-ro Miguel Fernández, informis pri la glata irado de la preparoj por la unua tia festo, kun favora reago de hispanaj kaj eksterlandaj poetoj kaj verkistoj, ebleco de spektaklo kun son- kaj lumefektoj, ktp.

Oni planas prezenton de du videoj en Esperanto, ankaŭ de novaj libroj, seminarieto pri konjugacio. Oni studas, ke aldone al la komuna tago por turismado, ekzistu ebleco pri aldonaj turismaĵoj por akompanantoj de kongresanoj.

La prezidanto emfazis la gravecon de la junulara partopreno, kaj petis ke la junuloj ĉeestantaj transdonu tiun senton en la *Paska Junulara Renkontiĝo.*

★ Pri vortaroj, oni emfazis la preman bezonon de vortaroj. Tri eblecoj rekte prezentiĝas: reeldono de la vortaro de d-ro Tudela, eldono de la manuskripto de s-ro Mimó (kion sugestas Kultura Asocio Esperantista), kaj kunlaboro kun la vortaro verkata de s-ro de Diego por Venezuela E-Asocio. Post longa diskutado oni konkludis, ke la financa situacio de HEF ebligas eldoni nenian novan vortaron, sed nur partopreni en la reeldono de la vortaro de Tudela.

★ Dum la tagmeza paŭzo okazis seminarieto pri komputado, gvidata de s-ro Miguel Gutiérrez, kun celo harmoniigi la laboron de tiuj HEF-anoj, kiuj disponas komputilon kaj pretas labori por HEF.

La prezidanto, Antonio Alonso Núñez

---

## Projekto pri INTERNACIAJ PREUNIVERSITATAJ SOMERKURSOJ EN ESPERANTO

Iniciatita de la (libervola) Esperanto-Kurso ĉe la Instituto por Lingvoj de la Universitato de Santiago de Compostela, kun la kunlaborado de Hispana Esperanto-Federacio.

Unua sesio planata por la jaro 1993, paralele al la 78ª Kongreso de Universala Esperanto-Asocio (en Valencia, Hispanio).

Publika prezento de la projekto en 1991, kadre de la 51ª Hispana E-Kongreso (La Laguna), de la 76ª Universala E-Kongreso (Bergen, Norvegio) kaj de la 25ª Konferenco de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (Voss, Norvegio).

Pliaj informoj ĉe telefono kaj telefakso: 981-59-80-05




Returne jam el ombroj, el buraskoj,
el veoj kaj forestoj, konviktite
pri am' al vi; returne
el preterit' lancina;
returne jam el kisoj kaj returne
el la insulaj soloj, jen mi surfas
ĉe viaj rifoj re kaj recidivas.

De via ĵaluzio,
vual' de via nud' horizontala,
ekflugas mi al via sonĝo, sondas,
ĉu franĝoj de mi restas, ĉar orgojle
- verŝajne nur kandide -
ni pensas, ke ni iel nin postvivas
en ĉio pluamata sed perdita.
kaj mute eklavangas
al mi la negaci' de mia esto.
Kaj kiel sibla sago min trasagas
via prezenco: vi, pasioj, mondoj
senaj je mi almenaŭ kiel feĉo
aŭ pita inkmakulo
sur paĝo ŝrumpa jam el via into.

Doloras, ve!, la tempo.
Tempo forviŝas amtabelojn glataj,
nin faras re kaj re naskitoj ĵusaj
kun plumba jaro-ŝarĝo sur la ŝultroj.

Returne jam el frostoj,
frostigas min - el via dom' impetas -
skorpioj gelaj, dum vi dorme brulas,
dum viaj kruroj, papilioj, dise
ŝovetas sin ĉe sonĝo pri l' rivalo.
Returne jam... Sed, kio ade nodas
konsternon kun la lango?
Sen sci', sen forto, mi rigardas. Ardas
l' okuloj sur ŝtiparo.
Mi provas krii: "He, jen mi returne.
Jen mi, ĉu vi ne vidas?, fridas. Fajras.
Iam el vi ŝiriĝis suden. Portis
kun mi la nokton, fumon, daŭran braĝon
meze de l' brusto!". Vane.
Ĉe la rempar' plej jara mi perdiĝis,
kaj la anim' sin montras konfuzita
ĉe la kreneloj turaj.
Ĝi volas fuĝi! Volas fuĝi! Serĉas
sian fadintan voĉon, sian pulson.

Sed restu ĝi por ĉiam ĉi-prizone,
en ĉi obskura nokto konsumiĝu.
Mi rajdas al la sudo.
Rebrilo signis vojon, stel' min gvidas.
Ne vundas jam la tempo akraranda
nek la memoro hanta nek la dornoj.
Ne semos plu la amoj sinforgeson,
sed tamen, same, plu ne semos sombron.

Miguel Fernández

Speciale verkita okaze de la 300a numero de *Boletín*.



# Ibn Jafäya, el Alzira

## I

Naskiĝis tiu ĉi granda poeto de la Oriento de Al-Andalus en la indikita urbo, en la jaro 1.058. Grandparte el liaj poemoj prikantas la belecon de la valencia bedaro, tiel majstre, ke baldaŭ oni konis lin per la alnomo *al-channàn* (la ĝardenisto). Ja li kreis en la hispana-araba poezio ĝenron kompareblan nur kun la Orienta *priflora poezio*, verkita de la brila poeto Sannawbari. Fakte, Jafäya majstre priskribis ne nur la bedaron aŭ ĝardenojn de sia bela tero, sed ankaŭ ion ajn. Ni metu kiel ekzemplon ĉi poemeton pri ĉevalo:

### Alazana ĉevalo

Estis ĉeval' alazana
tiel okulfrap-kolora
ke ĝi similis brulaĵon
kiel viva braĝ' alloga.

La kolor' de ĝia krino
estis kiel granat-floro,
ŝajnis ja mirtofolioj
l' oreloj en sia formo.

Meze de ĝia koloro,
ruĝflava en sia tuto,
aperis tutblanka stelo
sur ĝia belega frunto
kvazaŭ eliĝus bobeloj
el glas' da vino el fruktoj.

Kaj se la fantazio kaj facila regado de la priskribo tute ne mankas en tiu simple difino de ĉevalo, kion diri, kiam li volas speguli siajn impresojn ĉe rigardado de bela pejzaĝo? Jen la muzikaj versoj de pentraĵo-poemo de nia admirinda "ĝardenisto":

### La rivero

Kiel plaĉas min, ho Dio!
rigardi la riverklaron
en sia profunda lito,
pli apetitveka l'akvo
ol la kapricemaj lipoj
de knabin' kun loga ravo!

Kurba, kvazaŭ braceleto,
kiel surĉiele svarmas
ĉe la Lakta Vojo steloj,
same la floroj ornamas
la bordojn de la rivero.
Ofte, ĝi iĝas mallarĝa
kvazaŭ arĝenta fadeno
sur tuniko verda-flava.

Ĉirkaŭis ĝin arbobranĉoj,
kiuj de la malproksimo
similis al okulharoj
profilantaj la pupilojn
de helbluaj okulparoj
de allogaj belulinoj.

Skuis vent' la branĉopintojn,
kiuj dissaltigis l' akvon
sub form' de gutoj po miloj,
dum sur l' arĝenta likvaĵo
flosis l' or' de l' vesperiĝo
laŭlonge de l' naturkavo.

Mi proponis vinon tiam
al miaj karaj gastoj;
vinreflektoj orumitaj
tikturis iliajn manojn.



La influo de la *jafāyi-a stilo* ne mortis post la forpaso de la poeto, ĉar pri ĝi oni komentis, laŭdis kaj fakte oni imitis tiun stilon ĝis la lasta epoko de la regno de Granado: temis pri speciala maniero vidi kaj interpreti la naturon. Oni povas konstati, ke la poeto lokas ĉiujn scenojn, kiujn li volas priskribi, en plena naturo, kaj tiam li majstre pentras ĉion kion li vidas per okuloj de artisto, same kiel en tiu ĉi poemo:

## Azaharo kaj rozo



Ni prezentas niajn rimojn
kiel bela koliero
honorigas kun admiro
kiun prezidas soleno.

En certa biena domo
ni kaŝas kun modesteco
la pompon de nia gloro
en tutdiskretaj kunvenoj.

Tie, la silenta nokto,
odoris je griza ambro,
dum la steloj kun angoro
brilis kiel vivaj braĝoj.

Parfumis nin azaharo
kaj arom' de bela rozo,
ambaŭ miksitaj ĝuflaroj
plenigis de am' la horon.

Plaĉa, kiel dolĉa buŝo;
bela, kiel milda kiso:
ĝi estis kis' kun plezuro
sur vango de amatino...

Evidente, oni povus ankoraŭ multe komenti pri nia rafinita *ĝardenisto*, kiu elektas la vortojn kun sama delikateco kvazaŭ temus pri floroj... Jen ankoraŭ bukedo el tiuj lirikaj esprimoj:

## La ĝardeno

Dolĉa estas la rivero
kiel lipoj de amanto.
La zefir', agrabla vento,
trenas la vorton kun lanto.

Tra la pentrinda ĝardeno
ventoblovoj da parfumoj
kisas kun milda amemo
la florplantojn, kies suprojn
tute kovras la roseroj
per nevidebla veluro.

Ĉi ĝardenon mi tre amas:
lekantet' en ĝi ridetas,
mirtoj bele ĝin ornamas
kaj la violoj revemaj
elvokas nevusojn ravajn
kaj buklojn de inoj belaj.

Nur alia alzirano sciis konservi la plej gravajn ecojn de Ibn Jafāya, mi aludas lian nevon Ali al-Bulquini ibn Zaqqāq (1093-1134), elstara poeto lerninta el la sama skolo de sia onklo, kiu mirinde uzis la tipajn metaforojn de la novklasika araba poezio kaj ankaŭ regis la priskribon de floroj kaj ĝardenoj. Ambaŭ poetoj atingis la limon de la novklasika poezio, post ili la poezio iĝis pli vulgara, la temoj pli senhontaj, la versformo pli populara... Estas la tempo de la muvaŝaho kaj la zegelo, kaj la regado de la inĝenia Ibn Quzmān, fama pro siaj zegeloj, sed tio jam estas alia afero.

Ibn Jafāya forpasis en la jaro 1138.

Antonio Marco Botella

---

# Intertempe

Multe pluvadis, kaj pluvegos, ja, de kiam
Hektoro estis lancbatita de Aĥilo.
Neplende diras mi: Ha, se unuafoje
estus povinta mi ellegi l' Iliadon
havante la spertiĝon kiun la vivmordoj
ĝis nun al mi sentigis
- kaj pro l' cikatroj sur la mia troa memestimo -,
eble ne tiel, mi, ravite feliĉadus tiam!

Sed nur pro l' forflugado de l'plej belaj revoj
pelitaj de la vent' de l' jaroj

kiu senpelatigas dise kaj perforte
la nian infanecrestaĵon,
kapablas ni akiri tiun saĝon kiu en dronmezo
ne ĉiam povas al ni ankron savan.
Multfoje ni pereas. Sed obee tuja renaskiĝo
submetas nin al vivoleĝ' de la maljuniĝado.

Se ni unuafoje povus nur la Iliadon ĝui,
tutcerte, ree mi preferus
Hektoron al Aĥilo, same kiel
en tiu mia adolesk' imagoplena. Intertempe
anĝeloj kaj demonoj pulĉinelis
laŭkonkurence antaŭ mi, pli ol miraĝe,
reale, en la klostr' de fantazio kaj soleco:
ĉielo kaj infer', pli baldaŭ ol persona prijuĝado
pri kio estas amo kaj amoro.
En praarbaroj iluziaj grilojn mi kaptadis,
kaj plukis mi sennomajn florojn
ne tute fremdajn al la vera poezio.
Sed venis tagoj adiaŭoplenaj
pri multaj sanktaj naivaĵoj:
al virinkoro, tiam
kapablis mi ensorbi, nekredeble,
zenitajn mondojn kaj senfundajn marojn.
Kaj, ĝuste tiam, poezi' epifaniis
en mia mondo atavisma je dolmenoj kaj menhiroj,
dum ajna dio al mi donis amuleton
vere kontraŭmagian, pro meritoplene
pro fideleco, por ke povu mi riĉigi min
je malriĉec' kontraŭmonduma.

Aĥilo, la venkint', per sia militĉar', trenadis
rondire kaj trifoje
ĉirkaŭ la katafalko de Patroklo
- kaj, unufoje, ĉirkaŭ la enmurigita Trojo -
la jam senvivan korpon de l' *ĉevaldresist'* Hektoro.
Tiam, la tempo haltis ja por ĉiam
sur tiuj oraj epospaĝoj.
Sed la homar' vortice estas daŭre englutata
de nigraj truoj al nekonateco.

Speciale verkita omaĝe al *Boletín.*
Gabriel Mora i Arana

# Simbolo



Alvenas ora mano portanta diamanton,
Unu mano el fero gvidanta la bridon,
unu man' el nebulo kie trilas alaŭdo.
Mi ilin lasas pasadi.

Alvenas ruĝa mano levanta la glavon,
alvenas pala mano portanta amatiston,
alvenas blanka mano oferanta lilion.
Mi ilin lasas pasadi.

Alvenas man' malpura premanta plugilon:
ekprenas mi la manon kaj kuniras plugi.

Angela Figuera
Tradukis JES

---

# La oranĝduono

Estis foje, en vilaĝo, tri famaj notarioj kaj unu maljuna riĉulo, kiu deziris fari sian testamenton, sed ne sciis al kiu el la tri juristoj konfidi la taskon. Tial, li venis al la ideo provi ties inteligentecon.

Por efektivigi sian planon li prenis oranĝon, kiun li duonigis kaj kavigis. Poste, li prenis unu el la pecoj kaj metis ĝin, kun la ŝelo supren, sur la akvon de sia ĝardena baseno.

Venigis la riĉulo la unuan notarion kaj diris al li:

--Ĉu vi povas diri kio estas tio flosanta meze de la baseno?

--Oranĝo -- diris senpripense la demandito.

Ankaŭ la dua diris per tuja respondo:

--Oranĝo.

Fine, la maljunulo sendis voki la lastan notarion, kiu, aŭskultinte la demandon, etendis sian bastonon al la oranĝo kaj, renversinte ĝin, respondis:

--Oranĝduono.

Ridetis ŝate la riĉulo, ĉar li sciis jam al kiu konfidi la preparon de la testamento.

Traduko de Liven Dek.

# Centra Oficejo

La komisiono elektita por regado de la Centra Oficejo komencis labori. Ĝia unua raporto, kvinpaĝa dokumento, priskribas la paŝojn faritajn ĝis la 19 de marto.

La komisiono (HOKo) klopodas labori serioze, urĝe kaj efike laŭ la jena agadplano :

Decigo de la materia stato de la oficejo antaŭ junio de 1991.
Organizado de la funkciado de la oficejo antaŭ septembro de 1991.
Unua pagota kurso ekde oktobro de 1991.
Ekonomia sendependeco ekde januaro de 1992.
VERE FUNKCIANTA CENTRA ESPERANTO-OFICEJO DE DUM 1992:
(Informejo, kursejo, librotekejo, prelegejo)

Fakte parto el la laboro de la unua etapo jam estas farita. Temas ĉefe pri purigado, riparado, aĉeto de seĝoj pli konformaj al la loko, ktp.

Ni deziras tutkoran sukceson al la Hoko, t.e., al la komisiono starigita de HEF por la mastrado de la Centra Oficejo en Madrido.



*lastmomenta informo*

## Loĝado en la Hispana Kongreso

**Kongresejo**: Studenta Gastejo *Pedro García Cabrera* (Universidad Laboral). Adreso: Lora Tamayo 2 / La Laguna. Disponeblas 30 dupersonaj ĉambroj (duetaĝaj litoj), kaj 9 Ĉambroj por 3-4 personoj. Ĉiutaga kosto de la loĝado plus tri manĝoj estas 2.000 ptoj. Nura dufoja manĝado kostas 1.200 ptojn tage. La gastejo funkcios nur dum la Kongreso.
**Hotelo Agere** (situas en la urbocentro, proksime al la Kongresejo). 1 ĉambro kun banejo por du personoj 3.900 ptojn tage. Same 1 ĉambro kun banejo por unusola persono. Aldonendas 4% ITE. Laŭvola matenmanĝo kostas 325 ptojn. ☎ 922-259490.
**Hotel Nivaria** (apart-hotelo) restado por 1 aŭ 2 personoj kostas 7.500 ptojn ĉiutage.
Pensión Berlín (situas urbocentre, proksime de la Kongresejo). Dupersona ĉambro kostas 3.000 ptojn. Necesejo kaj duŝo situas ĉe la koridoro.
Ekzistas pli da **pensionoj** kies kosto estas 2.000 ptojn por du personoj kaj 1.000 por unu.

Pliajn informojn petu de la kongresa respondeculo pri loĝado:

S-ro José Palmero Perez / Apt. 53 / 38200 La Laguna / Tenerife.